Jaro XVII. Septembro—Oktobro 1934 Nr. 5

ASPREMONT (A.M.) FRANCUJO

INTERNACIA VEGETARA LIGO ESPERANTISTA

La VEGETARA LIGO ESPERANTISTA (V.L.E.) estis fondata en la jaro 1908-a, dum la Dresdena Universala Kongreso de Esperanto. Gia organo, la „Vegetarano" estis fondata en la jaro 1914-a. La kotizo por VLE kaj la abonpago por la „Vegetarano" estas identaj. La „Vegetarano" aperas dumonate, do sesfoje en jaro.

La celo de VLE estas, disvastigi Esperanton inter la Vegetaranoj kaj Vegetarismon inter la Esperantistoj. Krome, danke al nia internacia helpa lingvo, ĝi volas helpi kaj antaŭenpuŝi la internacian vegetaran movadon kaj la solidarecon inter vegetaranoj de ĉiuj landoj.

Fine, nia ligo volas kunigi aron da homoj, kiuj interkonsente komplotas kontraŭ ĉio malbona kaj kiuj subtenas interne je la Esperanta movado la etikan nivelon de nia komuna volo.

Landaj sekretarioj prizorgas informojn, enkasigas kotizojn, propagandas kaj tradukas, se oportune, artikolojn el nia organo por naciaj parencelaj eldonaĵoj.

# VEGETARANO

DUMONATA REVUO POR VEGETARISMO

Jaro XVII. Septembro-Oktobro 1934 N-ro 5

# VEGETARANO

Dumonata revuo por vegetarismo kaj parenccelaj ideoj

Redaktoro: I. Ionesku-Kapatzana, ASPREMONT (A.M.) Francujo

## NOVA ADRESO

Jam pasis unu jaro kaj duono de kiam estis farita la ŝanĝo de la redaktoro kaj redakcio kaj nun denove ni faras ŝanĝon. Sed la nuna ŝanĝo estas farata nur al la sidejo de la ligo kaj revuo.

Rumanujo kvankam estas riĉa lando kaj siaj enlandanoj estas tre bonkoraj, kvankam ĝi donis al ni eblecon por presi nian revuon pli malmultekoste ol en aliaj landoj, ĝi per siaj registaroj, per iliaj malhelpegoj al libera esprimado, skriba kaj parola, igas la redaktoron kaj per li la revuon kaj la ligon translokiĝi en lando pli libera.

Kaj jen, dank' al la afableco kaj bonkoreco de niaj karaj gesamideanoj *E.E. Yelland*, la „Internacia Hejmo-Esperantista“ el Aspremont (A.M.) Francujo fariĝas la nova nesto de la I.V.L.E., de ĝia organo kaj de ilia gvidanto.

En la nuna momento, kiam la kaldrono de l'diablo denove bolas, ni esperu, ke la ankoraŭ neinfektita de la terormikrobo; Francujo, donos al ni sufiĉan eblecon por daŭrigi nian batalon por pli perfekta homo kaj pli justa socio.

La Redaktoro

## NENIAM PLU MILITO!

Dum aŭgusto de la kuranta jaro oni rememoris al la homaro la dudekjarojn de la mondmilitdeklaro, kiu kostis:

Ok milionojn da mortintoj el sesdek kvar milionoj da mobilizitaj soldatoj.

Dudekdu milionojn da mortintoj el la civila popolo.

Entute, do:

TRIDEKMILIONOJN da mortintoj.

Mone, la mondmilito kostis ne malpli ol dekunumilokcentdekdumiliardojn do francaj orfrankoj.

Dudek jaroj jam pasis depost la komenco de tiu terura kataklismo kaj post tiom da tempo la homaro troviĝas je la sama bestaĉa nivelo; ĝi preparas sin per la sama, se ne eĉ pli granda febro, por pretigo de nova milito.

La fakto, ke malmultaj estis tiuj gazetoj, kiuj kuraĝis kaj havis eblecon, entute kaj sincere, dediĉi sin al klarigo de tiu problemo, tiom grava hodiaŭ, kiam la popoloj pretiĝas por nova interdissiriĝo, igis nin plenumi nian taskon, dirante niajn vortojn.

Eŭropo, Azio, Afriko kaj Ameriko, jen la centroj de la estonta hombuĉado.

Eŭropo, idiotigita de ĝiaj malkapablaj gvidantoj kaj degenerinta de sifiliso, tuberkulozo, alkoholismo kaj tabako, jen garantio por la paca revo, pri kiu kun bedaŭro ni devas konstati, ke tre malmultajn efektivigeblecojn havas.

Usono kun ĝiaj milionoj da senlaboruloj, Japanlando kun ĝiaj dekoj da milionoj da popoltroo, kiun pro stulta regadsistemo oni ne havas kien lokigi; Sovetunio kun siaj planoj de tutmonda komunistigo, jen aliaj kaŭzoj kiuj endanĝerigas la pacon kaj la deziron por pli bona vivo. Eĉ Afriko ne statas pli bone; la tiraneco de la blanka ekspluatado, tenas la enlandan loĝantaron en daŭra malkontento.

Krom ĉi tio la memfido de la grandaj popoloj de Eŭropo kaj la gajndeziroj de la grandaj militilfabrikantoj, estas novaj kaŭzoj por nova mondmilito.



Sur la karto de la demokracio, relative blanka ĝis hieraŭ, tagon post tago la nigraj suĉiloj de la tiraneco de l' blanka teroro progresas kaj hodiaŭ terurigitaj ni devas konstati, ke nenia peco de loko, krom la cerbo de la malmultaj pensuloj, plu estas libera kaj neinfektita de la milita kaj venĝa mikroboj.

Kiam la regnestroj blindiĝis, kiam la gvidantoj de la laboristaro voĉdonas rezoluciojn per kiuj oni asertas, ke oni iros nur al „defenda" milito, kiam la gvidantoj de la „paca U.S.S.R." konkurencas la kapitalistajn landojn je armado-kaj la apostolojn de la paco send as al Siberio kaj al malliberejoj, la solaj esperoj por evitado de milito, restas nur en ni mem, en ni la „eraruloj" kaj al vi VIRINOJ, kiuj devus tremi pensante, ke morgaŭ viaj infanoj, fratoj kaj patroj estos denove vokataj mortigi, senkonscie, la infanojn, edzojn, fratojn kaj patrojn de viaj fratinoj el la aliaj landoj.

Kaj pro kio ĉio ĉi-tio?

Ĉu ĉar sia moŝto Hitler l-a deziras Anschluss-on, aŭ ekstermadon de la judoj de sur la tero? Aŭ eble, ĉar la francaj, anglaj kaj aliaj riĉeguloj deziras suĉi pli da laborista aŭ koloniana sango?

Se estas tio, kiel ni rilatas al tio? Se por tio ili volas, ke ni morgaŭ forlasu la vivon, kiun ne ili sed vi PATRINOJ, donis, tiam faru ili la militon!

Sed ni, tiuj kiuj naskiĝis en la zodiaksigno de l'fajroĵetantaj aviadiloj, ni kiuj naskiĝis tiam kiam niaj patroj estis devigitaj lasi siajn ostojn sur la batalkampo, por tiuj kiuj ne scias kio estas la malsato, ni neniam faros la saman stultaĵon kiun faris niaj patroj.

Nian alvokon ni direktas al vi, kamparanaj kaj laboristaj fratoj, al vi, junaj kaj maturaj virinoj.

Laboristoj, vilaĝanoj kaj virinoj, konsciaj pri tio kion signifas nova mondmilito, el kiu estas demandsigno, ĉu iu savos sian vivon, la homtasko via, antaŭ tiu de patrujanoj, devas esti batali kontraŭ la milito kaj kiam la batalo malsukcesos, rifuzi fari tion kion Kaino faris al sia frato Abelo.

Gekamaradoj, anoj de ĉiuj konceptoj, eksciu ke la malliberejoj estas plenplenaj en la tutamondo de tiuj kiuj pensas same kiel vi, de tiuj kiuj konscias pri la teruraĵoj de nova milito.

Kamaradoj, tio estu pruvo por vi, ke estas infameco tio kion diras la ŝtat - kaj armeogvidantoj: *ke se vi ne mortigos la malamikojn, mortigos ili vin.* Ne, kiel vi povas imagi, ke tiuj kiuj oferas sian vivon kaj junecon, por konigi ilian abomenon por la milito, kapablus mortigi vin? Ne, milfoje ne! Sed tio dependas de vi, dependas ke ankaŭ vi faru la samon: *montri vian firman deziron, ke vi ne plu volas militon!*

Por fini ni asertas, ke nur se oni agados kontraŭ la milito per la jenaj devizoj, ni ion sukcesos:

*Ĝenerala malarmado!*

*Malestigo de la deviga militservo!* (Tiuj kiuj volas militon kaj tiuj kiuj volas morti por mono kaj ordenoj, iru ili militservi!)

*Malestigo de ĉiuj militistemaj organizoj kaj infamigo publika de ĉiuj kiuj provos maltrankviligi la pacan vivon de la popoloj!*

*Neniam antaŭmilitservo por la junularo!*

*Neniam soldatigo de la virinoj!*

La soldatigo de la virinoj ne signifas nur atencon al la digneco kaj respekto por la kreantoj de la

# La fakkunveno de la vegetaranoj dum la XXVI-a Esperantista kongreso

En la pasinta numero, ni publikigis la raporton kiun sendis al la fakkunveno vegetara la sekretario de I.V.L.E. Bedaŭrinde, post la reveno Rumanujon de S-ro Harabaĝiu, delegito de Rum. Esp-a Soc. ĉe la XXVI-a, mi eksciis la bedaŭrindan fakton, ke la raporto estis lasita en la kongreskesto de s-ano Bünemann, kiu bedaŭrinde ne povis ĉeesti la kongreson kaj do, pro tio la raporto restis nelegita.

Intertempe samideano Pamporov, kiu prezidis la fakkunvenon, sendis la jenanraporton:

*La fakkunveno okazis laŭ la programo, la 10-an de aŭgusto, en la salono nr. 21 (Parlamentejo) Ĉeestis proksimume 50 esperantistoj el 12 landoj: Bulgarujo, Anglujo, Francujo, Germanujo. Danujo, Estonio, Finnlando, Danzigo, Polujo, Nederlando, Svisujo, Svedujo.*

Malfermis la kunsidon P. G. Pamporov, kiu parolis pri la celo de la Vegetara Ligo Esp-a, disvastigi vegetarismon inter la esperantistoj kaj Esperanton inter la vegetaranoj. La principoj de la vegetarismo estas: sano, pureco, vivo en harmonio kun la naturo kaj en amo al ĉiuj estaĵoj, do: Sano, pureco kaj amo!

La vegetara movado kreskas en la tuta mondo kaj precipe en Bulgarujo - Estas vere interesa fakto, ke ĝi estas la unua lando en la tuta Eŭropo, kie estas plej multe da vegetaranoj - procente. La vegetarismo en Bulgarujo estas etika movado, ĉar du liberaj kristanaj movadoj - Tolstojanoj kaj la Universala Frataro akceptas la vegetarismon kiel unuan ŝtupon por la vojo al perfekteco.

Poste parolis F-ino H. Dresen pri la vegetara movado en Estonio kie la vegetarismo ankaŭ progresas en Estonio, kiel norda lando, la fruktoj kaj la legomoj ne estas abundaj. Ŝi substrekis la ideon ke oni ne devas miksi Esperanton kun la vegetarismo, kiam oni propagandas, ĉar tio malhelpas la sukceson.

El Danujo parolis s-nino Mar. Noll - pri la interesaj provoj de D-ro Hinhede dum la milito kun la tuta dana popolo kaj pri la brilaj rezultoj por vegetarismo.

Parolis ankaŭ S-ro Solokannel el Finnlando, Risson el Nederlando, Jean Guillaume el Francujo, pri la vegetarismo en siaj landoj.

Oni proponis kaj unuanime estis akceptita la propono: sendi salutleteron al S-ro Oscar Bünemann en Hamburg, kiu dum multaj jaroj

---

homo, sed ankaŭ al la ekzistado de la homspeco.

Kaj se vi, tiuj kiuj nomiĝas idealistoj, kaj vi gefratoj laboristoj kaj vilaĝanoj, ne komprenos la sincerecon de niaj vortoj, en la batalo kontraŭ la milito, sciu ke ni tiuj kiuj rezignas plenkonscie manĝi la karnon de la vivantaj kunestaĵoj, ĉiam ni estas pretaj montri ekzemplon de batalado kontraŭ la milito.

Ion Ionesku-Kapatzana

# Adolf Just 75-jara

Je la 8-a de Aŭgusto n.j. la fondinto de la sanatorio „Jungborn" en Harz (Germanujo), - esperante „La fonto de la juneco", terapia lernejo restinta ĝis hodiaŭ—kaj aŭtoro de „Kehrt zur Natur zurück" jam en la 12-a eldono, fariĝis 75 j a r a.

Adolf Just estas unu el la solaj vivantaj, el la granda familio de la grandaj terapiistoj: Priesnietz, Seb. Kneipp k.t.p. kiujn donis al ni la XIX-a jarcento. Li estas la unua apostolo de la fruktivorismo kaj kruda reĝimo. Per tiu-ĉi nutroterapio aplikita kaj dozita racie, li havis en sia sanatorio nur sukcesojn.



Vihra Iv. Kotova, la filineto de niaj bulgaraj vegetaranaj gesamideanoj Kotov el Ruse-Bulgarujo

fervore kaj sindone laboris kiel redaktoro de „Vegetarano".

Bedaŭrinde la nova, juna, energia redaktoro de „Vegetarano", ne havis eblecon ĉeesti en la Stokholma kongreso kaj en la fakkunveno de la vegetaranoj kaj pro tio komprenenble, la ĉeestantoj ne havis la plezuron aŭskulti raporton. Sed ni esperu kaj laboru! La fakkunveno dum la Stokholma kongreso montras ke la vegetarismo disvastiĝas inter la geesperantistoj. Ĉiutage multaj esperantistoj vizitis la vegetaran restoracion en Stokholmo, tre bone organizita. Ni esperu, ke en la estonteco la svedaj gesamideanoj, kiuj tre bone organizis la kongreson, ankaŭ penos proagandi esperanton inter la vegetaranoj en Svedujo, kiuj tamen estas sufiĉe multaj - 2000 anoj. Ni estu kuraĝaj kaj nia laboro certe en la estonteco donos fruktojn.

P. G. Pamporov

Pilgrimado tra Europo

# La militrifuzantoj

de Eugen Relgis




Viena. — Mi vidis tiujn „militrifuzantojn" en iliaj kunsidoj, en iliaj kongresoj. Mi serĉis ilin en la malgrandaj kontoroj „plenaj de propagandmaterialo". Apenaŭ mi trovis iun sekretarion aŭ maŝinskribistinon, la gvidantoj estas ĉiam sur vojoj; travojaĝas landojn konferencante aŭ individue iniciante. Ili pretigas lokajn aŭ internaciajn kongresojn, helpas tiujn kiuj pro militservrifuzo troviĝas antaŭ Militista juĝistaro aŭ en la malliberejoj, helpas iliajn familiojn savante ilin el la mizero...

En la kontoro de la orient-eŭropa fako de la „Internacia ligo por refratiĝo", kies sidejo estas en Londono, mi trovis kamaradon Oskar F. Bock, la unua sekretario de „Joint Peace Council". Estinta oficiro, revekita de la milito, li refariĝis studento (jurstudanto) por komenci novan profesion... Tiu ĉi „Konsilo por paca unuiĝo" estas la unua tendenco por federaciigi la pacajn organizaĵojn. Oni devas aranĝi kune la streĉojn de ĉiuj landoj, kunigi la individuajn iniciativojn, eviti la perdojn de energio, tempo kaj moneblecoj de la miloj da grupoj. Oni devas skizi direktivojn kiuj montru la ĉefan vojon de la komunaj bataloj, super la politikaj, personaj, naciaj aŭ klasaj influoj. Tio kion insiste mi postulis de la kongresoj de „War Resisters Internacional": Pacifista Internacio, kiel senpolitika federacio de ĉiuj ekzistantaj grupoj, komencis realiĝi. Per „Joint Peace Council", ok grandaj organizaĵoj jam formis nukleon de tiu plejalta kiel, „Pacifista Internacio", kiu ajn ĝi nomiĝos estonte, havos la saman celon, centrigi la pacajn dezirojn kaj establi ĝin inter la popoloj kaj en la sino de ĉiu nacio.

La sekretario montris al mi longan liston de la ligoj, federacioj kaj grupoj de ĉiuj sociaj, etikaj, religiaj, kulturaj, nuancoj, kiuj aprobis la „Manifeston kontraŭ la deviga militservo" kaj militista preparo de la junularo.



Ĝi estas solena deklaro, kiu samtempe estas ankaŭ signalo por batalo de *malsupre supren*, por ŝanĝo de la militisla pensado, por ekstermi la sangan fetiŝismon, por anstataŭigo de la perforta kulto per tiu de la vera kontinua solidareco. La manifesto estis diskutota en ĉiuj landoj, (kio ja estis farita, sed kompreneble sen la apogo de la tutmonda gazetaro). Jen kelkaj frazoj:

...La pretigo de la milito daŭras kaj fariĝas frapantaj la kontraŭdiroj en la deklaroj faritaj de la registaroj, favore al la paco. La fakto ke ili plutenas kaj apogas la militedukon de la junularo. Rekrutadon sub „legala" formo kaj en iuj landoj per memvola aliĝo, pro la ekonomia kaj socia malbonaj cirkonstancoj... Ni asertas ke jam venis la tempo kiam ĉiu kiu efektive volas pacon, devas postuli la malestigon de la militservo kaj neu al la registaroj la rajton imponi al la civitanoj de siaj landoj la militservon"... Per tiu ĉi rajto, la individuo estas entute subigita al la militistaj aŭtoritatoj: tio-ĉi estante ja sklavecformo. La militeduko signifas alkutimiĝon de la korpo kaj de la animo al la mortigtekniko, estas edukado kiu eternigas la militstan pensmanieron kaj malhelpas al la disvolviĝo de la pacifista spirito, de la pacvolo" ...La maturaj generacioj faras grandan eraron kontraŭ la estonteco, kiam en la lernejoj aŭ Universitatoj, en sociaj aŭ privataj organizoj, ili instruas la junularon-ofte sub la preteksto de fizika eduko—kiel uzi la militilojn. La packontraktoj imponis al la venkitaj landoj forigon de la deviga militservo kaj de la milita instruado de la junularo. La popoloj el la tuta mondo, ili mem decidu jam purigadon de militemo. Se la registaroj ne volas agnoski la intensecon de la nevolo de milito, ili devos akcepti la kontraŭstaron de ĉiuj, kies plej grava leĝo estas sindono al la homaro kaj aŭskultado al ilia propra konscienco...

Tiu ĉi manifesto estas subskribita de tiaj nomoj, ke komentado estus superflua: Romain Rolland, Rabindranath Tagore, Selma Lagerlöff, Thomas Mann, V. Margueritte, Bertrand Russell, H. G. Wells, Generalo Frhr. von Schoe-

neich, Paul Birouhoff, Stefan Zweig, profesoroj Albert Einstein L. Quidde S. Freud, August Forel. Ne nur eŭropanoj, sed ankaŭ japanoj ĥinoj, araboj, hindoj, amerikanoj, subskribis ĝin. Jen universala konfeso de la racio kaj libera spirito, kiu por la venontaj generacioj, valoros pli ol la „historiaj deklaroj" de la popolbuĉistoj.



Belega tago. Tamen la vespero estas libera al mi. Min allogas nek la luksega centro, nek la soleco de la hotelĉambro. La sekretario de *Joint Peace Council* proponis al mi eskurson per la tramo! De kvartalo al kvartalo kies aspektoj estis reliefigitaj de la lumigantaj globoj, post unu horo ni alvenis al la malsupro de Heuberg. Provincaj stratoj; en iuj lokoj la dometoj similas al tiuj de la mezepokaj fojrurboj. Ni supreniris ŝtonajn ŝtuparojn, serpentajn deklivojn.

Oskar Bock havas firman paŝon de estinta oficiro, min la supreniro lacigis. Kiam mi alvenis supren Bock diris al mi, ridante, ke ni estas 350 m. super Wieno; neniaĵo por tiuj, kiuj estas alkutimiĝintaj je la eskapadoj en la Styria montaro... Wieno disvolviĝas tuta antaŭ ni entute. En la profundeco ĝi estas plena de lumoj—ia flavora firmamento, similanta je belega nebulozo el kiu solidetiĝas blokoj kaj monumentaj siluetoj, ĉar nebulaĵoj vidiĝas de tiu loko. La noktonimbo de la grandaj urboj, ŝajnas volbo en la senfino de la ĉielo. Sur la Heuberg, kiu ŝajnas buklo en la zono de ĝardenoj kaj arbaroj de Wieno, la vilaoj el inter herbejoj kaj fruktarbejoj, estas maloftaj. Sed ili estas serĉataj de la grandaj menslaboristoj, de tiuj kiuj intense uziĝas en la centro de la ĉefurbo, de tiuj kiuj ŝatas la ventojn kaj la horizonton...

Kaspar Mayer, la centra sekretario de la orient-europaj „Repacigantoj" kore akceptas nin en la vilaĝa domo kun tirolaj mebloj, inter kiuj ne mankas la telefono, radioaparato kaj gramofono. Li apenaŭ revenis el sia travojaĝo en Balkanoj, kune kun Dorald Grand, sekretario de la centro el Londono. Jen ankaŭ li kun lia kamaradino. Anglo forta, estinta pastro, maskita per alpinista pantalono. Forvojaĝos morgaŭ vespere al Polujo, kie okazos kongreso de la Internacia Federacio de la Pacifistaj studentoj. Apenaŭ mi rekonis lin, ĉar en Bukureŝto, kien li venis vidi min, inter la forveturo de du vagonaroj, lasis al mi impreson de globe-trotteur, kiu inter la folioj de la evangelio, posedas sufiĉajn... funtojn por travojaĝi kontinentojn. Miisto, li forlasis la preĝejon por esti fidela al la *kristana* spirito. Li prefe-



**Oni la malamikon devas ne mortigi, sed venki per amo kaj supera etiko.**
**Mahatma Gandhi**

ras la individuan iniciadon, rektan agadon, kiu povas esti facile kontrolata kaj kiu siavice infektas la konsciojn. Kiam li forveturas de unu lando, li estas certa, ke tie jam estas preparitaj kelkaj novaj „Consciencions objectores".

Cirkaŭ la tablo, apud la fenestro en la filtrata lumo de la lumŝirmilo, ni estas familio de pacpilmigrantoj. Ĉiu el alia lando, apartenantaj al alia kredo. Sed en tiuj horoj ni retroviĝas ĉiuj, liberigitai de la hieraŭaj, obsedoj de la morgaŭaj danĝeroj. Ni permesis al ni tiun komuniadon de tiuj batalantoj, kiuj volas vivi ankaŭ sian vivon: simpla, „liberigita" de la propagandpostuloj, de la intrnaciaj kongresoj,—sen tiun febro apartenata al la idialistoj, kiuj devas galvanigi la amasojn kaj pretigi tiujn kiuj devas porti pluen iliajn kredojn.

La estonteco? Jen! Estas la rideto de tiu ĉi infano, kiun nia juna mastrino portas en ŝiaj brakoj. Ŝi devis alporti lin el la supra ĉambro ĉar ĝi ne plu volis dormi. Ĝi etendas siajn malgrandajn manetojn al la globo ĉirkaŭita de la ruĝa lumŝirmilon-miraĝo kiun ĝi volas ensorbi per siaj freŝaj sentoj — simile al ni, kiuj volas doni al niaj idealo realigon kaj al nia revo universalan savecon.

El la rumana lingvo de *Ionakap.*

# ESPERANTAJ ELDONAĴOJ

*La juna vivo,* dusemajna organo por la junularo, red. West-Graftdijk (N. H.), Nederlando, jarabono euster Nederlando nfl. 0,75. La unua numero de tiu porinfana gazeto estas vere bonege redaktita kaj meritas grandan disvastiĝon.

*Zamenhofa Esperanto,* Studoj pri tia, kia ĝi estas en la Fundamento kaj en la verkoj de d-ro Zamenhof. De d-ro Pierre Corret, akadmiano, 197 Boul. Brune, Parizo 14. Dek sinsekvaj numeroj 5 ffr., poŝtmandate. Necesa admono al la redaktantoj de presotoj tekstoj kaj instruoj al ĉiu samideano.

*Verdemulo,* trimonata organo de la Verdemularo de Sunjatsen-Universitato, Kantono, Ĉinujo. Kvankam lingve tiu beleta revuo estas ankoraŭ perfektigota, ĝi estas tre rekomendinda legaĵo pro la enhavo, kiu montras veran progresemon kaj samtempe spegulas ĉinajn ideojn iom tro nekonatajn en okcidentaj landoj. Abonprezo 1 sivisa franko jare.

*Hindujo,* trimonata revuo pri la problemoj de liberiĝo de Hindujo el fremda premo kaj, ni esperu, ankaŭ el sklaveco sub enlandaj potenculoj. Tiurilate, diroj cititaj, de J. Nehru, montras nepran progresemon. Red.: S-ino Erne Sindhwad, 37 rue Vanderkindere, Bruselo-Uccle, Belgujo.

*Esperantistul,* dumonata organo de la rumanaj esperantistoj, sub la nova redaktado kaj adreso de nia redaktanto, revekas la rumanajn samideanojn el indiferenteco. Bona spiro blovas el la modesta, sed bone aranĝita revueto, kiu meritas plenan sukceson! Minimuma jarabono 40 leoj. (Arkos).

*Amerika Esperantisto,* monata bulteno de la Esperanto-Asocio de Norda Ameriko, adr. 1340 New York Avenue, N. W., Washington D. C., Usono.

*Heroldo de Esperanto,* Kolonjo, Brüsseler Str. 94, enhavas en sia numero 795 legindan artikolon de Maria Ŝot pri la kemia sterko kiel kaŭzo de la kancero.

---

**Atentu!**

**Korespondaĵon, abonojn kaj kotizojn, bonvolu de nun sendi al nia nova adreso:**

**Ion Ionesku-Kapatzana**
**Aspremont (A.M.) Francujo**

***

Pro manko de spaco kaj translokiĝo de la redaktoro, nur en la venonta numero aperos la artikoloj por „El multaj landoj.

***

**Samideanoj!**

**La redaktanto de la revuo estas juna kaj tute neriĉa homo. Li oferas tempon, energion kaj eĉ la lastan moneron por la idealismaj aferoj Estu do, afablaj karaj samcelanoj kaj faru vian oferon pagante vian abonon.**

---

**La plej granda plezuro de ĉiu vegetarano estas ne senti la malvarmecon de la vintro, por havi tiun plezuron la „Internacia Hejmo Esperantista" en Aspremont (A.M.) Francujo, atendas vin dum la vintra sezono.**

## Landaj sekretarioj kaj abonprezo en nacia mono:

**Argentino** (3 Pes. pa.) Sro Pascual Bosso, Strato Fred. Lacroze 2589 Buenos Aires.

**Belgujo** (1 B. fr.) S-no Yvonne Colijn, Martelaaislaan 40, Gent

**Bulgarujo** (50 levoj) S-ro Petr. Mitkov, Bulevard Evlogi Georgiev 40, Sofio.

**Ĉeĥoslovakio** (23 kč.) S-ro Emil Mai, Mühlfeldgasse 11, Gablonz a. N.

**Danujo** (3 dkr.) F-no Margrethe Noll, Fredericiagade 6 II, Kopenhago-K.

**Estonujo** (E. kr. 3) F-no Helmi Dresen, postkast 6. Talino.

**Francujo** (15 fr. fr.) F-no Cécile Royer, 105 Rue du Faubourg St. Denis, Parizo X, poŝtkonto Parizo 257-77.

**Germanujo** (2.50 Rm.) S-ro Oscar Bünemann, Hamburgo 37, Isestrasse 79, II, poŝtkonto „Hmb. 318-83".

**Grandbritujo** (3 ŝ. ) S-ro J. Valpy Moffat, 42 Parkthorne Road, Clapham Park, London S. W. 12.

**Ĥinujo** (3 sv. fr.) Chiam Ching Chiu. Junnan-fu.

**Hungarujo** (4 Pengö) S-ro Bihari Mor. Lejtö ut. 3, Budapesto.

**Latvujo** (4 latoj) S-ro Julio Bejzots, Aspazia Bulv. 9, 3, Rigo

**Litovujo** (8 lid.) S-ro Liŭdas Alseika, Ukmerge, Baznyčias 9

**Nederlando** (1.60 fl.) S-no Catharina J. Roskes-Dirksen. Anemoonstraat 96, Hago poŝtkonto 52008.

**Palestino** (1 Dol.) N. B. Havkin, Jerusalemo, Givat Saul.

**Polujo** (5 zl.) S-ro S. Bogdanowicz, Wisla skr. p., Slaskciesz.

**Rumanujo** (90 lei) Fino Gusta Solomonovici. Str. Dr. Istrate 10 Bukureŝto V.

**Sovjetunio** (1.50 r.) U. U. Zajcev, Stancia Aralskoje morje. Sr. Az. j. d. Staraja Amerika 25, kom. 3.

**Svedujo** (3 sv. kr.) Sven Edenby, Gefle 2.

**Svisujo** (3 sv. fr.) S-ro Paul Enz, „Siga" Bassersdorf-Zürich,

**Usono** (1 Dol.) S-ro Karl Froding, 124 King Street, Madison, Wis.

El la landoj necititaj oni sendu rekte al la redaktano la egalvaloron de 3 svisaj frankoj. La internaciaj respondkuponoj estas akceptataj kaj estu uzataj prefere ol nacia mono.